

# ENHAVO







— 1 —

Miyatake Seidoo

# La Latinigita Ortografio de Malaja Lingvo

Kiel vi scias,

Malaja lingvo estas la plej vaste uzata lingvo tra Sud-Maraj Insuloj. De ĉirkaŭ 60 milionoj da enloĝantoj la lingvo estas parolata kiel la sola komuna lingvo inter Sud-Maraj diversaj gentoj, kies lingvoj estas respektive malsamaj — alivorte la malaja lingvo estas "Esperanto" en Sud-Maro.

De Malaja duoninsulo ĝis Nov-Gineo krom Filipinoj kaj Pacifikaj Insuloj preskaŭ ĉiuj indiĝenoj kaj transloĝintoj el alilandoj en la lingvo interparolas kun ĉiu homo, kiu apartenas al malsama gento. Kaj kun samgentanoj ili parolas en sia propra lingvo, ekzemple javo interparolas kun javoj en java lingvo, batako kun batakoj (unu gento en Smatro) en bataka lingvo, tamen je la konversacio inter javo kaj batako estas uzata la malaja lingvo, ĉar ili ĉiu ne povas kompreni unu la alian en siaj propraj lingvoj, kvankam iliaj lingvoj apartenas al la tute sama lingvofamilio —"Austronesia" (Antaŭe oni uzis la nomon Malajo-Polynesia por tiu ĉi lingvofamilio, sed nuntempe la vorto "Austronesia" estas pli vaste uzata de lingvistoj).

Nur la malajoj en Malaja duoninsulo kaj en Centra Smatro parolas la malajan lingvon kiel sian patrolingvon. Kaj aliaj gentanoj nur ellernas la lingvon kiel normalan nacilingvon en lernejo aŭ en alia loko. Tamen ekzistas la mirinda fakto ke multparto de ĉinoj,



L2-3

一ノ内

kiuj estas posteuloj de transloĝintoj nur parolas en la malaja lingvo kiel sia patrolingvo, preskaŭ forgesinte sian propran lingvon — ĉinan lingvon.

Sed la de ĉinoj uzata malaj-lingvo iom alia de la uzataj de la indiĝenoj, kaj oni nomas la ĉinan malaj-lingvon "Baba-Malay".

— 2 —

Kiam vi malfermas la libron "The Gospel in Many Tongues" publikigita de British and Foreign Bible Society, vi trovas kvar specajn malaj-lingvigitajn fragmentojn de la Evangelio: unu en arabaj literoj, tri en latinaj literoj.

Malaja lingvo ne havis siajn proprajn literojn, tial por transskribi ĝin oni devas uzi arabajn aŭ latinajn literojn. Antaŭ kelkdek jaroj en Nederlanda Hindio (Malaja insularo) oni uzis ankaŭ la arabajn literojn, sed nuntempe la literoj estas jam tute forlasitaj krom en "Moskeo". Sed en Angla Malaj-duoninsulo malajaj inteligentuloj ankoraŭ uzas la arabajn literojn, sed junuloj plimulte uzas latinajn por transskribi sian lingvon.

En la lernejoj de Malaja duoninsulo oni instruas la ambaŭajn literojn, arabajn kaj latinajn, kaj ankoraŭ nun multparto de la publikaĵoj estas skribitaj en la arabaj. Dum, en Nederlanda Hindio oni ne povas pli facile trovi arablitere skribitajn elpendaĵojn antaŭ butikoj ol la ĉina-litere skribitajn, kaj la publikaĵoj en la arabaj literoj estas tute maloftaj: nur oni ĉiutage povas renkonti la literojn sur la papermonoj.

Estas strange, ke spite de la gentoj, kies literaturo estas pli malsupera ol la malaja, kiel batako en Smatro, bugiso en Celebeso, tagalogo en Filipinoj

kc., havis siajn proprajn literojn, la malaja lingvo kiu estas tiel vaste uzata kaj havas tiel multe da literaturaĵojn — kompare al necivilizitaj lingvoj — ne havis proprajn literojn por si mem.

En Sud-Maro la plej civilizita lingvo estas java lingvo. Kompreneble java lingvo havis proprajn literojn, kiuj estas reformitaj el Sanskritaj literoj. kaj laŭ onidiro la javaj literoj jam ekzistis antaŭ mil jaroj. Antaŭe kiam javaj propraj literoj estis ankoraŭ ne elpensitaj, javoj uzis la Sanskritajn aŭ aliajn hindajn literojn por transskribi sian lingvon.

Kiam aperis la malaja lingvo ankoraŭ estas en esploro, tamen oni povas facile kredi ke la malaja estas pli juna ol la java.

Antaŭ kelkaj centjaroj en la influo de pligrandiĝanta Islamo, malajoj ekscіis skribi sian lingvon en arabaj literoj, en kiuj ilia biblio "Al Korano" estis skribita. Kaj la transuzado de la literoj donis grandan influon al la lingvo kaj multe da literaturaĵoj, originalaj kaj tradukitaj sin aperigis. Plejmulto de la originalaj estas historiaj kaj legendaj verkoj, kaj plejparto de la tradukaĵoj estas el javaj romanoj. Malaja literatura flortempo estas en la 16 jarcento.

Antaŭ la transuzado de la arabaj literoj oni eble uzis hindajn literojn ankaŭ en tiu ĉi malaja lingvo, kiel en java lingvo, sed en la tempo nur tre malmulte da kleruloj uzis ilin por skribi siajn memorandojn.

— 3 —

Ekzistas du sistemoj de la ortografio en arabaj literoj: nova kaj malnova. Laŭ la malaja arab-ortog-



L2-4

rafio, ĉiuj konsonantoj estas esprimataj, sed vokaloj estas multe ne skribataj, tial legantoj mem devas aldoni la mankantajn vokalojn en legado, ekzemple arab-litere "m-k" (مك) devas legi "maka", "r-a-ĝ" (راج) devas legi "raĝa".

Pro ke en araba lingvo vokalo o, e, ĕ (tre mallonga vokalo, kiu egalas al [ə] en la Internaciaj Fonetikaj Simboloj), duonvokalo w, j kaj konsonantoj ĉ, ng, nj mankas, oni ja devas elpensi la novajn literojn taŭgajn por la esprimo de la mankantaj literoj. Literoj por la sonoj ĉ چ ng ڠ nj ڽ estis nove faritaj reformante la egalajn arab-literojn ĝ ج gh غ n ن. Tamen la egalvaloraj literoj por o, e, ĕ, w, j estas ankoraŭ ne faritaj, kaj por esprimi la sonojn oni uzas u و por o kaj w ambaŭ, i ي por e kaj j, alif (nomo de litero, kiu montras vokalon en araba litero) ا por ĕ. "u-r-t" (ورت) oni devas legi "warta", "s-a-i" (ساي) devas legi "saja".

Legi skribaĵon en araba litero estas tre malfacile, precipe senerare legi proprajn nomojn estas tute neeble — ah, ve, la simila fenomeno okazas ankaŭ en nia lando, kie malnovaj ĉinaj literoj ankoraŭ nun arogantas.

En malnova sistemo de la arab-ortografio pli ofte estis la vokaloj neskribitaj ol en la nova sistemo, kiun Registaro de Malaja Federacio rekomendas, kaj nuntempe ĉiuj libroj publikigitaj en Malaja duoninsulo en arabaj literoj estas presitaj laŭ tiu ĉi nova malaja arab-ortografio. Ekzemple por esprimi la vorton "sa'ekor" en malnova sistemo "s-i-k-r" (سئكر) kaj en nova "s-i-k-u-r" (سئكور). Antaŭ ol Registaro de Malaja Federacio difinis la

la malajan arab-ortografion, alivorte, laŭ malnova malaja arab-ortografio, ia samaj vortoj estis ofte dumaniere skribataj kaj tiu ĉi fenomeno tre konfuzigis la legantojn.

La malfacileco de la ambaŭaj ortografioj estas proksimume egala : laŭ malaja proverb. ĝi malegalas unu de la alia je "la diferenco inter dudek kvin cent kaj tridek cent".

— 4 —

En la jaro 1668 D. Brouwerius publikigis kompletan tradukon de la Nova Testamento en latinaj literoj. Kredeble, tiu ĉi ja estas la plej malnova malaja libro skribita en latinliteroj. Poste 1731 -3 la kompleta traduko de la Biblio estis publikigita en Amsterdamo en latinigita malaj-ortografio.

La unua sistema verko pri malaja lingvo en la mondo estas la "Spraaeck ende woord-boeck in de Maleysche ende Madagaskaresche Talen" verkita de Frederick Houtman, 1604 en Amsterdamo. Antaŭ la apero de tiu ĉi verko jam estis la priskriboj pri Sud-Maraj vojaĝoj, en kiuj ankaŭ iom da klarigo pri malaja lingvo troviĝas. Kompreneble en tiuj libroj la malajaj vortoj estis esprimitaj en latinaj literoj. Tial, al kiu oni devas doni la honoron de la unua fondinto de latinigita malaja ortografio, estas malfacile solvebla problemo, sed oni povas diveni ke la latinigita ortografio komenciĝis de la fino de 16 jarcento, ĉar en la fino de tiu jarcento holandanoj havigis al si la potencon en nuna Nederlanda Hindio.

La latinlitera ortografio en la unua periodo estis imitaĵo de la ortografio de holanda lingvo,

ĉar la iniciatintoj estis holandanoj.

Laŭ tiu holanda sistemo jenaj literoj estas uzataj: a b d e g h i j k l m n o p r s t w tj dj nj ng oe, krome por esprimi arabajn vortojn, ch خ sj ش ts ث dz ذ z ز dl ض th ص tl ط ʿ ع gr غ f ف.

En tiu ĉi latinigita ortografio "e" esprimas du sonojn: (1) e [e] kiel en Esperanto, kaj (2) ĕ [ə] la tre mallonga nedeterminita vokalo. Por eviti ĉi tiun neevidentecon, en malnova tempo oni metis ˘ sur la litero, se ĝi esprimas la sonon [ə].

En la Biblio kaj la verkoj de Wijk, Klinker, Mayer kc. tiu ĉi ĕ estas uzataj. Tamen, estas dube, ĉu en la unue publikigita Biblio jam estis uzata tiu ĉi supersigno por la sono [ə], ĉar mi ankoraŭ ne havis okazon vidi la Biblion, sed laŭ mia supozo la supersigno eble estis ankoraŭ ne uzata, ĉar laŭ "Winstedt's Malay Grammer" en la malnova holanda ortografio por la sono [ə] oni uzis ĝenerale la literon e.

Ankaŭ en la "Woordenlijst voor de spelling der Maleische Taal" verkita de van Ophuijsen estas ne uzata tiu ĉi litero ĕ por la sono [ə], sed é por [e] kaj e por [ə] Tiu ĉi libreto estis publikigita en la komisio de Registaro de Nederlanda Hindio, kiu deziris fiksi la ortografion de la malajaj vortoj en siaj teritorioj.

En mia biblioteko mi trovas la jenajn tri librojn, kiuj uzas la literon ĕ: "Hikajat Djahidin", "Hikajat Masjhoedoelah", kaj "Kitab Logat Melajoe" de Iken kaj Harahap. Tiuj ĉi libroj estas

eldonitaj post 1900, dum la libroj, en kiu la litero ĕ aperas, estas ĝenerale eldonitaj antaŭ 1900. Kaj en la modernaj verkoj oni uzas é por [e], e por [ə]. Tiu ĉi nova sistemo estas rekomendita de Balai Poestaka, kiu estas la registara eldonejo fondita en 1917 en Batavio por la indiĝenoj.

Sed privataj libroj kaj ĵurnaloj aŭ gazetoj tute ne obeas tiun ĉi regulon kaj uzas simplan e por la ambaŭaj sonoj [e] kaj [ə], kiel en la komencperiodo de la latinigita ortografio.

En la malaj-holanda ortografio "j" montras la sonon [j] kiel en Esperanto, "tj" por [tʃ] kiel ĉ en Esperanto, "dj" por [dʒ] aŭ [ʒ] kiel ĝ aŭ ĵ en Esperanto, "nj" montras la sonon similan al [ɲ] (eble palataligita n [ṅ] ?).

Estas ankaŭ la lingvistoj — Tendeloo kc. — kiuj prefere uzis ñ anstataŭ nj, kiel en hispana lingvo. "ng" esprimas la sonon [ŋ], kaj estis ankaŭ la orientalistoj, kiuj elektis ṅ aŭ n̄ por tiu ĉi sono.

"oe" estas uzata por esprimi la sonon [u], ĉar en holanda lingvo u estas prononcata kiel ü [y] en germana lingvo. Tamen ankaŭ por la diftongo "au" [au] tiu ĉi u estas uzata. Estas ankaŭ homoj, kiuj propagandas uzi la literon u anstataŭ oe.

Pri la ortografio-reformantoj mi alifoje priskribos.

El literoj uzataj por transskribi arabajn vortojn nur la sonojn ch [x], sj [ʃ], z [z] kaj f [f] malajoj povas elparoli, sed aliajn sonojn ili tute ne povas elparoli, pro tio la literoj nur montras, kiaj literoj estas uzataj en originala ortografio en arabaj literoj: ts (oni elparolas tute same al s), dz (= d aŭ z),

dl (=ḍ), th (=ṭ), tl (=l), gr (=g). Nuntempaj gejunuloj ĝenerale ne uzas tiujn ĉi literojn, sed simplajn t, d, l kc.

ʿ signifas "ain-literon" ع en araba litero, sed ne reviviĝas en malaja lingvo.

La aliaj latin-literoj en la malaj-holanda ortografio esprimas preskaŭ samajn sonojn kiel en Esperanto.

— 5 —

Kiel mi jam klarigis, por krei la transskriban sistemon de la malajaj vortoj iniciatis holandanoj, kaj tiu ĉi malaj-holanda ortografio estis vaste uzata tra la tuta Malaja lando, de plejparto de eŭropanoj aŭ ĉinoj, sed ne de indiĝenoj.

Poste de la angloj nova latin-litera malaj-lingva ortografio estis elpensita. La diferenco inter la malaj-holanda kaj tiu ĉi nova estas nur iometa; ne samaj literoj estas jenaj.

u por oe [u], y por j [j], j por dj [dʒ] aŭ [ʒ],

ch por tj [tʃ], kh por ch [x], ny por nj aŭ [ɲ] [ñ].

Ekzemple "tjari" en la malaj-holanda estas "chari" en la nova malaj-angla, kaj "djoega" fariĝas "juga" ktp.

De kiam tiu ĉi malaj-angla ortografio komenciĝis, mi ne scias, sed eble en 18 jarcento. En "A Grammer of the Malayan Language" de Marsden, aperinta 1812, tiu ĉi angla ortografio estis uzata, sed la simpla e por montri la sonojn [e] kaj [ə] ambaŭ. Krome, en la libro ny tute ne aperas kaj estas anstataŭita de ni, ekzemple "dosa-nia" en la libro por "dosa-nya" en normala ortografio.

Kvankam Marsden uzis indiferente e por la so-

noj [e] kaj [ə]; Crawford — kies gramatiko aperis en 1852 en Londono — transskribis la sonon [ə] per â kiel "bârchârai" por "bĕrchĕrai" en la normala. Estas ankaŭ libroj uzantaj a por la sono [ə]; kiel "basar" por "bĕsar". Ĉar tiu ĉi sono [ə] aŭdiĝas iam kiel a, iam kiel e, iam kiel u kaj iam kiel preskaŭ malaperinta, se ni volus, ni povus montri la sonon per alia sono, kiu estas la plej simila al tiu sono, aŭ tute forlasi.

En iu ajn lando la elparolo de vorto estas malsama laŭ la loko, ankaŭ en la malaja lingvo escepto ne okazas; por unuigi la vortojn Registaro de Malaja Federacio publikigis la regularon pri la ortografio de la malaja lingvo en Malaja duoninsulo en 1904, kaj tiel estis difinita la nuntempa oficiala ortografio de la lingvo en Malaja duoninsulo.

Laŭ la regulo de la ortografio ĕ montras [ə] kaj e por [e], sed en Nederlanda Hindio en privataj verkoj la supersigno estas plejparte forprenita.

La literoj, kiuj estas oficiale uzataj en Malaja duoninsulo estas jenaj:

a b d e ĕ g h i j k l m n o p r
s t u w y ch ng nj

kaj por arabaj vortoj

th (=s), kh, dz (=z), sh, dl (aŭ dz), tl (aŭ dz),
gh (=g), f, z.



Krom tiu ĉi oficiala ortografio la "baba" — ĉinoj naskitaj en Sud-Maro — uzis iom alian ortografion por sia malaj-baba dialekto. Anglaj misiistoj enkondukis la novan ortografion kaj en tiu ĉi sistemo misiaj libroj estis publikigitaj de la Methodist Pub-

lishing House en Singapore por ĉinoj, kiuj parolas en la iom ŝanĝita malaj-lingvo.

La diferenco inter la malaj-angla ortografio kaj tiu ĉi malaj-baba ortografio estas ke la lasta tute ne montras la mallongan nedeterminitan sonon [ə], tial oni skribas "bsar" por "bĕsar". Krome, en la presaĵoj la unigitaj novaj literoj (ŋ, ɲ) de ng kaj ny estas uzataj.

Ekzistas la Biblio presita en tiu ĉi ortografio, tamen tiu ĉi estas uzata nur de ĉinoj aŭ de misiaj fremdlandanoj. Kaj la lingvo estas ne normala, sed unu dialekto, kiun Baba parolas, kiel sian patro-lingvon.

Kiel en la komenco de tiu ĉi skribaĵo mi jam diris, en la libro "The Gospel in Many Tongues" oni povas vidi kvar malaj-lingvajn fragmentojn de la Evangelio:

(1) en la superklasa malaj-lingvo en arab. literoj

(2) en la sama en latin-literoj,

(3) en la vulgara m.l. en latin-literoj,

(4) en la baba (ĉina) m.l. en latin-literoj.

En (2) kaj (3) oni uzas malaj-holandan ortografion kaj la litero ĕ aperas. En (4) la malaj-baba ortografio estas uzata kaj la sono ĕ estas tute ne transskribita.

Mi bedaŭras ke mi ne povas klarigi, de kiam la malaj-baba ortografio aperis en la mondon. Sed laŭ mia supozo kredeble en la fino de 19 jarcento.

Nuntempe la malaj-baba ortografio estas jam ne uzata kaj ankaŭ ĉinoj skribas ĝenerale laŭ la oficiala malaj-angla ortografio. Sed la ĕ-on, kiu aperas antaŭ r kaj l, oni ĝenerale ne skribas, ekzemple "bra-

pa" por "bĕrapa", "blum" por "bĕlum" kaj la sono estas ĝenerale ne elparolata ankau en parolo.

Ne nur la ĉinoj en Malaja duoninsulo sed ankaŭ la ĉinoj en Nederlanda Hindio ne skribas tiun ĉi e [ə], kaj eĉ en la indiĝenaj skribaĵoj ni ofte renkontas la vortojn, en kiuj la e [ə] antaŭ l kaj r estas ellasita.

× × × × ×

Mi kredas ke pri la historio de la latinigo en malaja lingvo jam estas sufiĉe. Mi ja intencis klarigi pri la reformmovadoj de la nuntempa latinigita ortografio en Nederlanda Hindio, sed la fermdato por la manuskriptoj tre proksimiĝas, tial en la venonta numero mi skribos plue pri la temo.

Je la fino de tiu ĉi skribaĵo mi deziras aldoni iomete.

Se vi komparus la staton de la kulturo en Nederlanda Hindio al tiu de Federacio de Malajaj Ŝtatoj (Angla Malaj-duoninsulo), vi facile rimarkos ke Federacio de Malajaj Ŝtatoj estas pli malsupera ol Nederlanda Hindio.

En Federacio de Malajaj Ŝtatoj oni ankoraŭ uzas arabajn literojn pli ofte ol latinajn literojn, kaj en la elementaj lernejoj ambaŭ arabaj kaj latinaj literoj estas instruataj. Sed en Nederlanda Hindio ĉiuj libroj kaj ĵurnaloj estas presataj en nur latinliteroj, kaj la plejmulto de la indiĝenoj tute ne povas legi la arabajn literojn krom Islamaj paŝtistoj aŭ lingvistoj.

La indiĝenaj vekiĝintoj en Nederlanda Hindio, klopodantaj por popol-movado — kiu estas nomita en tiu lando "Indonesia Granda Movado— por senigi ne-



L2-8

# Skriboj en Hindoĉinio

Latina, Anama k Ĉina Skriboj



Ĉu troviĝas la lingvo komuna en la tuta Hindoĉinio? Fakte, ne ekzistas lingvo komuna por la popolamaso en kvin regionoj de tiu duoninsulo. Sed tra la tuta lando oni povas interkompreniĝi unue per la anama lingvo, due per la franca lingvo.

La anama lingvo estas la plej vaste parolata en Hindoâinio: ĝin parolas Tonkinanoj, Mez-anamoj, Koŝinĉinianoj k uzas en komerco Kamboĝanoj k Laosanoj. En diversaj urboj fremduloj uzas anaman lingvon por interparoli, ekzemple hindoj k ĉinoj.

La franclingvo estas oficiala lingvo. Ĝin oni instruas en ĉiuj hindoĉinaj lernejoj. En ĉiuj oficejoj registaraj k grandaj firmoj la franclingvo estas grandskale uzata. Hindoĉina intelektularo ofte parolas ĝin.

Tra la tuta Hindoĉinio aperas ĉirkaŭ 10 tagĵurnaloj franclingvaj k 7 tagĵurnaloj anamlingvaj. La gazetoj anamlingvaj nombras pli ol 30.

La anamlingvo estas skribata en latinaj literoj.

---

alfabetismo oferas siajn tutajn fortojn.

Mi kuraĝe diras ke la progreso de la indiĝenoj en Nederlanda Hindio, estas plejparte kaŭzita de la latinigita ortografio, kiun la registaro enkondukis por la lerneja edukado. (Nara, 24. Nov. 1937)

La Kamboĝa k Laosa lingvoj estas skribataj en hierogrifoj samkiel la hinda lingvo.

Nia alfabeto konsistas el:

12 vokaloj: A Ă Â E Ê I Y O Ô Ơ U Ư

15 konsonantoj: B C D Đ H K L M N P R S T V X

11 duoblaj konsonantoj: CH GH GI KH NG NGH NH PH QU TH TR

La anamlingvo estas tre sonora k muzika, pro tio ĝi havas sistemon de specialaj tonoj, kiuj estas markataj per supersignoj. Tiuj ĉi distingas la monosilabojn (unusilabojn), kies prononco estas sama.

Ekzistas do ses tonoj:

(1) la tono plata (rekta tono) sen akcento, ekzemple : ma
(2) la tono basa karakterizita per supersigno ` : mà
(3) la tono akuta " ´ : má
(4) la tono demanda " ? : mả
(5) la tono falanta " ~ : mã
(6) la tono malakuta subpremata " subpunkto · : mạ

ma : fantomo má : vango mả : tombo
mã : ĉevalo mạ : juna rizherbo

Pri supersignoj, estas rimarkinde ke ekzistas tri signoj kiuj ŝanĝas la sencon de l' vorto sed ne ĝian tonon.

| | | | |
|---|---|---|---|
| ˘ ^ ' | an = trankvila | to = granda | du = vojaĝi |
| | ăn = manĝi | tô = tasego | dư = troa |
| | ân = danko | tơ = silko | |

Ĉu nia lingvo estas neniam skribata en ĉina skribo? Nun preskaŭ neniam oni skribas en ĉinskribo. Kial?

Unue la ĉinskribo transskribas nur la sencon k tre malofte la enlandan prononcon. Ekzemple :

| ĉinskribo | signifo | prononco pure anama | prononco ĉin-anama |
|---|---|---|---|
| 人 | homo | người | nhân |

Ekzistis vere la ĉin-anama skribo kiu transskribis ĝuste la enlandan prononcon. Tian skribon unufoje elpensis Nguyễn-Thuyên (ĉine : 阮 詮), doktoro k prezidanto de Juĝa ministrejo dum 1279 – 1293, konsiderita kiel patro de l' anama literaturo. Bedaŭrinde aliaj verkistoj elpensis, miksis k uzis multajn aliajn *chữ nôm* (lingvo transskribita) t.e. ĉin-anamajn skribojn. Hodiaŭ ne ekzistas komuna ĉin-anama skribo. Plie tian skribon oni forlasis k lernas nur la puran ĉinan skribon.

Due la alfabeto uzata mirinde k tre ĝuste transskribas la enlandan prononcon.

Trie la anama lingvo (latinigita skribo) k la franca lingvo estas grandskale uzataj.

Kaj kiuj uzas ĉinskribon ?

La anamaj apotekistoj k kuracistoj kiuj praktikas la ĉinan medicinon. En vilaĝoj, la surskribaĵoj de komun-domoj, butikoj k monumentoj estas skribitaj en du lingvoj : anama k ĉina. En Tonkino k Mez-anamio kie la plimulto de la loĝantoj scias ĉinan skribon, la privataj k la oficialaj prokuroj estas ofte redaktitaj en tri lingvoj : franca, anama k ĉina. En tri landoj anamaj (Tonkino, Mez-anamio k Koŝinĉinio) en la duagradaj lernejoj ekzistas unu aŭ du horoj por la lernado de ĉinlingvo (nur skriblingvo), ĉar tiu lernado, kiun ĉiuj intelektuloj bezonas, multe helpas nin elkoni nacian literaturon grandparte influitan de ĉina literaturo. Preskaŭ ĉiuj terminoj filozofiaj, sciencaj, ekonomiaj k politikaj de nia lingvo konsistas el ĉindevenaj vortoj.

抵華 ?



— *Raymond Deloustal* —

# Anama Skribo[1]

1) Nuntempe la anamoj uzas tri specojn de skriboj: la ĉinaj literoj, la *chữ nôm*, aŭ la literoj demotikaj kaj la *quốc ngữ*; sed la lingvo anama estas skribata nek en *chữ nôm* nek en *quốc ngữ*.[3]

La ĉinaj literoj estas la signoj per kiuj konsistas la skribo de l' ĉina lingvo. Ili estis enkondukitaj en Anamon ĉ. unu jarcenton antaŭ nia erao, kiam ĉi tiu regno estis sub regado de l' ĉinoj[2]. Antaŭ ĉi tiu epoko, la anamoj ŝajne ne havis ian ajn skribon propran al sia lingvo.

2) En iu epoko, precize ne divenebla, la anamoj elpensis la aplikojn de l' signoj de l' ĉina skribo por sia propra lingvo kaj ankaŭ kreis unu novan skribon kiun oni nomis *chữ nôm*.

Ili konsistas el ĉinaj literoj; unuj laŭ iliaj valoroj pure fonetikaj senkonsidere al la valoroj dum la ideografioj ceteraj laŭ ties valoroj ideografiaj; kelkaj specialaj signoj simplaj konsistas el literoj ĉinaj

(1) Eltirita el: Notices sur les Caractères Étrangers Redigées, par un groupe de savants réunies par M. Charles Fossey, Paris 1927.
(2) Tiam nomata regno de Giao-Chỉ, preskaŭ korespondanta al nuna Tonkino. Poste la nomo Giao-Chỉ ŝanĝiĝis en An-nam (= Sudo paca).
(3) Literoj aŭ skribo de l' lingvo parolata, kontraste al *Chữ nho*, literoj aŭ skribo de l' lingvo lernula.

ŝanĝitaj per aldono aŭ depreno de strekoj kaj fine de signoj speciale formitaj de l' du literoj ĉinaj metitaj unu apud alia, el kiuj l' unu liveras la sonon dum l' alia la ideon.

Sed ĉi tiu skribo obeas nenian fiksitan regulon, nek funkcias laŭ principoj bone difinitaj. Nenio indikas ĉu la signo estas uzata fonetike aŭ ideografie, kaj en la okazo de kunmetita litero kiu estas la elemento servanta por fonetiko, kaj kiu estas tiu por la ideo.

Escepto estas farata por la vortoj ĉiutagaj, kiuj estas hodiaŭ (esprimataj) per la samaj signoj, ĉiu estas libera uzi laŭeble ĉu literojn aŭ grupon da literoj ĉinaj, kiuj ŝajnas al la uzanto pli oportunaj por esprimi fonetike aŭ ideografie la vortojn por kiuj ne ekzistas signoj sankciitaj per la uzo; oni devas sin fidi je la akrevideco de la leganto por solvi ĉi tiun etan rebuson. Tiu ĉi granda libereco de la strukturo ofte kaŭzas grandan malfacilaĵon al la leganto de *chữ nôm*.

3) Ekzemplo kiu pli faciligos la komprenon de l' mekanismo de ĉi tiu skribo.

La unua verso de konata romano de *Thúy Kiều* estas skribata jene en *chữ nôm*:

𤾓 𢆥 𥪝 𡎝 𠊛 些

*Trăm năm trong cõi người ta*

La signo 𤾓 *trăm* "cento" estas formita de litero 百 *bách*, donanta valoron ideografian kaj de litero 林 *lâm* "arbaro", donanta proksimuman fonetikan valoron de l' anama vorto *trăm*.

La signo 𢆥 *năm* "jaro" estas formita de literoj 南 *nam* "sudo" kiu donas precizan fonetikan

valoron de l' anama vorto kaj de litero 年 *niên* "jaro", kiu indikas la ideografian valoron de l' signo.

La signo 𥪝 *trong* "en" estas komponita de l' simpligita formo de l' litero 龍 *long* "drako", kiu donas la sonon, kaj la litero 中 *trung* "mezo", kiu liveras la ideon.

La valoro de l' signo 𡎝 *cõi* "limo" estas konvencio mem. La sufiĉe malklara fonetika valoro de l' anama vorto estas liverata per la litero de ciklo 癸 *qũi* kaj la ideo per la litero *thổ* "tero".

La signo 𠊛 *người* "homo" estas formita de l' elemento 㝵, simpligita formo de l' litero 礙 *ngại* "embarasi" kiu donas proksimuman fonetikan valoron de l' vorto kaj la litero 人 *nhơn* "homo", kiu liveras la ideon.

La signo 些 *ta* "mi, ni" estas formita de l' litero 此 *thử*, pronomo demonstrativa, kiu donas la fonetikan valoron kaj de du streketoj horizontalaj, kiuj igas la fundamentan formon de ĉi tiu litero speciala signo konvena por esprimi novan ideon.

En la sekvanta verso oni havas du literojn 才 *tài* "talento" kaj 命 *mạnh* "destinita" uzataj laŭ iliaj propraj sencoj. Ili reprezentas du vortojn en la limo de l' vortaro de l' parollingvo kun iliaj (ties) prononco ĉine-anama. Egale ni havas literon 字, ĉine-anama *tự* uzata laŭ ties senco, sed legata aname: *chữ*. Ĉi tiu vorto estas iafoje skribata 𡨸.

En la grupo de vortoj homologaj ekzemple

*la*, kie la fonetika valoro estas reprezentata de l' litero 羅 ( *la* "fadeno maldika" ) ni havas 囉 *la* "krii", 鑼 *la* "cimbalo", 攞 *la* "viŝi", 邏 *lá* "stranga, 蘿 *lá*, "folio", 羅 *là* "esti".

4) Sekve de la relativa malriĉeco de certaj partoj de l' vortaro de l' anama lingvo, kiun la lernitoj pretendas nomi malsufiĉa por esprimi ĉiujn pensojn de l' spirito en la kadro de l' filozofio kaj de sciencoj, ili nun malrespektas la uzon de *chữ nôm*, konsiderante ilin kiel la skribon de l' analfabetuloj k virinoj.

Do; kvankam tre disvastigitaj en la regno, neniam la *chữ nôm* estis sistime uzataj de l' talentaj verkistoj kaj la erudiciuloj ; tial la anama lingvo ne progresis.

Malrespektataj de l' lernitoj, *chữ nôm* estis mem mezurilo de rigoreco de l' Registaro.

Ilia uzo estis ree kaj ree malpermesita, ĉar la loĝantoj aplikis ilin por skribi kontraŭ la Registaro aŭ siaj reprezentantoj en lingvo kiu pli multe ol la ĉina pruntis al la inspiro de ilia mokema vervo paperojn plenajn de aludoj satiraj kaj mordantaj.

Efektive *chữ nôm* neniam estis aplikita kiel oficiala skribo kaj ilia uzo restis por skribe resumi verkojn de populara literaturo, konsistanta el romanoj, malgrandaj traktoj de moralaj instruoj kaj piaj libroj, plejparte de budaismo, kaj por la verko de ordinaraj skribaĵoj de l' ĉiutaga vivo, kiel leteroj, piendoj, petoj, kontraktoj ktp., de l' personoj nesufiĉe konataj la ĉinliterojn por skribi en ĉina lingvo.

× × ×

Inter la verkoj kompozitaj de anamo kaj skribitaj en *chữ nôm*, kelkaj estas verkitaj de erudiciaj lernitoj. La romano en verso titolita *Chuyện Kim Vân Kiều* (historio de Kim de *Vân* kaj de *Kiều*) komune konata sub la nomo de la heroo (historio de *Thúy Kiều*) estas fama ĉefverko. Oni povas citi ankoraŭ *Chuyện Nhị độ mai* (historio de prunarbo reflorinta) la *Chuyện Lục văn Tiên* (historio de *Lục văn Tiên*), la familia instruo de *Nguyễn Trai*, kiu estas egale tre reputita kvankam malpli valora.

× × ×

Je la vidpunkto de praktiko, la kono pri *chữ nôm* estas utila nur por legi privatajn skribaĵojn (plendoj, pelskriboj, kontraktoj, testamentoj) ankoraŭ faratajn en ĉi tiu skribo. Ĉiuj verkoj interesaj originale skribitaj en *chữ nôm* estas hodiaŭ transskribitaj en *quốc ngữ*.

## *Quốc ngữ*

5) La *quốc ngữ* estas unu sistemo fonetike skribi la anaman lingvon per helpo de literoj de l' latina alfabeto kaj de certa nombro da signoj destinitaj, unuj por modifi la fundamentan sonon de certaj vokaloj, la aliaj por marki la intonacion. Kreita de l' unuaj misiistoj venintaj en Indoĉinion, ĉi tiu skribo estas granda simpligo kaj perfekte respondas, je la vidpunkto de praktiko, al ĉiuj postuloj de l' transskribo de sonoj kaj intonacioj de l' anama lingvo.

× × ×

6) La alfabeto de *quốc ngữ*(1) konsistas el sim-

laj literoj jenaj:

*a b c đ d e g h i k l m n o p q*
*r s t u v x y*

Ĉi-do estas franca alfabeto sen la literoj *f, j, w, z*.[2] Aliflanke *đ* (nomata "đ strekita") estas ekvivalenta al la franca *d*, kaj *d* (nomata: d sen streko) estas litero suplementa.

La konsonantoj *b, c, đ* (= d franca), *k, l, m, n, p, q, s, t, v* havas la samajn valorojn kiel en la franca.

× × ×

La anama estas intonacia lingvo, tio signifas ke ĉiu vorto estas prononcata laŭ certa tono. La tono tiel farata formas unu parton de vorto; ĝi estas tiu kiu donas sencon al la sonoj kaj tiel faras vortojn. Sen siaj tonoj la vortoj ne estas pli ol sonoj bagatelaj, senteblaj kiel miksaĵo kun aliaj sonoj homologaj aŭ tute ne prezentas sencon.

Ĉi tiuj intonacioj estas ses en specoj.

1° La tono egala aŭ *dấu bằng*, indikata sen ia signo.

*Cho* "doni"; *la* "krii"; *co* "kuntriiĝi"

2° La tono akra aŭ *dấu sắc*, indikata per "accent aigu" (akra akcento).

*Lá* "folio"; *chó* "hundo"; *bán* "vendi"; *có* "havi"

3° La tono ascenda (supreniranta) aŭ *dấu huyền* indikata per "accent grave" (peza akcento).

*Là* "esti"; *bàn* "akordiĝi"; *cò* "pluma krono"

4° La tono demanda peza aŭ *dấu hỏi* markata per kroĉileto vertikala.

*Bẩy* "sep"; *dổ* "versi"; *nở* "malfermiĝi"

5° La tono demanda akra aŭ fleksita, aŭ *dấu ngã* indikata per kroĉileto horizontala.

Bẫy "kaptilo"; *dỗ* "akceptiĝi" (en konkuro); *nỡ* "kuraĝi"

6° La tono peza aŭ pena, *dấu nặng*, montrata per punkto metita sub la litero.

*Bậy* "malorda"; *dộ* "ĉirkaŭe"; *nợ* "ŝuldo"

La signoj indikataj la tonojn estas metataj nuntempe sur aŭ sub la vokaloj. Ĉe la presitaj literoj ili estas gravuritaj kun la litero. La pliparto de vokaloj povas esti vestitaj per la kvin tonoj markataj per la signoj. do *quốc ngữ* donas impreson, ke ekzistas sufiĉe granda nombro da literoj por reprezenti ĉiujn ĉi vokalojn.

Oni havas la seriojn de literoj:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| *a* | *á* | *à* | *ả* | *ã* | *ạ* | |
| *â* | *ấ* | *ầ* | *ẩ* | *ẫ* | *ậ* | |
| *ê* | *ế* | *ề* | *ể* | *ễ* | *ệ* | |
| *e* | *é* | *è* | *ẻ* | *ẽ* | *ẹ* | |
| *o* | *ó* | *ò* | *ỏ* | *õ* | *ọ* | |
| *ô* | *ố* | *ồ* | *ổ* | *ỗ* | *ộ* | Ktp. |

3) Proporcie de l' tiel grandaj avantaĝoj, kiujn montras *quốc ngữ*, ĉi tiu skribo emas ĉiutage pli k pli substituiĝi je *chữ nôm* kaj ĉinaj literoj. Sindone studante la francan lingvon la anamoj(3)

---

(1) Mallongigo de l' esprimo *chữ quốc ngữ* literoj (servanta por la skribo) de l' lingvo de l' regno.

(2) Ĉi tiuj sonoj ekzistas en la anama lingvo, sed ili estas montrataj per aliaj literoj.

(3) Ni parolas pri Tonkino. Laŭ la raporto de konato de *quốc ngữ*, Koŝinĉinio estas multe pli progresinta ol Tonkino, kiu estas, siavice, pli progresinta ol Anamo propra.

bezonas eĉ nun kelkajn jarojn por iĝi kapablaj havi lokojn rezervitajn kiel loĝejoj indiĝenaj en la franca administracio.

Por ili *quốc ngữ* aranĝas facilan kaj oportunan rimedon skriboj en ilia lingvo kaj per literoj uzataj en la francaj oficejoj; nun oni studas kaj komencas uzi *quốc ngữ* en vilaĝoj; eĉ la maljunaj mandarenoj [ŝtataj oficistoj] mem volas scii ĉi tiun skribon, kiun oni tiel laŭdas kaj instruas al si kiel siajn literojn.

Ekzistas nun multe da anamoj; kiuj vidas en *quốc ngữ* la estontan nacian skribon de sia regno.

## Specimeno de skribo *CHỮ NÔM*

• Montranta kiel *chữ nôm* deriviĝas de ĉinaj literoj.

| | | | |
|---|---|---|---|
| 𡗶 | *giời* | ĉielo | 天 *thiên*, ĉielo kaj 上 *thượng*, sur |
| 坦 | *đất* | tero | 坦 *đản* ebenaĵo |
| 頭 | *đầu* | kapo | 頭 sama senco, sama prononco |
| 𢬣 | *tay* | brako, mano | 手 *thủ*, mano k 西 *tây*, okcidento |
| 蹎 | *chân* | piedo | 足 *túc*, piedo k 眞 *chân*, vera |
| 𠰘 | *miệng* | buŝo | 口 *khẩu*, buŝo k 皿 *minh*, vazo |
| 茹 | *nhà* | domo | 茹 *nhự*, radiko, ricevi, manĝi, ktp. |
| 園 | *vườn* | ĝardeno | 園 *viên*, sama senco |
| 𣃱 | *vuông* | kvadrato | 風 *phong*, vento k 方 *phương*, kvadrato |
| 論 | *tròn* | rondo | 論 *luận*, konversi |
| 馭 | *ngựa* | ĉevalo | 馭 *ngự*, konduki ĉevalon, aŭ ĉaron granda. |
| 𤙭 | *bò* | bovo | 牛 *ngưu*, bovo k 甫 *bô*, eminenta |
| 𤛠 | *trâu* | bubalo | 牛 *ngưu*, bovo k 婁 *lâu* frekventa |
| 襖 | *áo* | frako | 衣 *i*, vesto k 奥 *áo*, retirita |
| 裙 | *quần* | pantalono | 衣 *i*, vesto k 君 *quân*, reĝo |
| 沒 aŭ 又 | *một* | unu | 沒 malaperi |
| 𠄩 | *hai* | du | 台 *thai*, sencoj diversaj k 二 *nhi*, du |

| | | | |
|---|---|---|---|
| 𠀧 | *ba* | tri | 巴 *ba*, seka k 三 *tam*, tri |
| 𤳆 | *giai* | knabo | 男 *nam*, knabo k 來 *lai*, veni |
| 𡛔 | *gái* | filino | 女 *nữ*, filino k 丐 *cái*, demandi |
| 渃 | *nước* | akvo | 水(氵) *thủy*, akvo k 若 *nhược*, se |
| 𦖑 | *nghe* | aŭskulti, kompreni | 耳 *nhĩ*, orelo k 宜 *nghi*, konveni |
| 𠫾 | *đi* | iri | 去 *khứ*, iri k 多 *đa*, multa |
| 吶 | *nói* | diri | 口 *khẩu*, buŝo k 内 *nội*, en |
| 咹 | *ăn* | manĝi | 口 *khẩu*, buŝo k 安 *àn*, paco |
| 核 | *cây* | arbo | 木 *mộc*, arbo k 亥 *hợi* (donanta sonon en cai) |
| 穊 | *cậy* | respondi | 禾 *hòa*, greno k 旣 *kí*, jam<br>aŭ 穊 *kí*, forta |
| 𦓿 | *cầy* | farmisto | 耒 *lỗi*, plugilo k 其 *kì*, posesiva pronomo |
| 忌 | *cậy* | esperi | 忌 *ki*, fini |
| 猉 | *cầy* | putoro | 犬(犭) *khuyển*, hundo k 其 *kì*, pron. pos. |
| 初 | *xưa* | iam | 初 *sơ*, komenco |
| 所 | *sửa* | aranĝi | 所 *sở*, partikulo |
| 制 | *chơi* | amuziĝi | 制 *chế*, guverni |
| 貯 | *chứa* | enhavi | 貯 *chữ*, sama senco |
| 除 | *chừa* | punpagi | 除 *trừ* (*chừ*), dekalkuli |
| 珠 | *chua* | acida | 珠 *châu*, perlo |
| 衛 | *về* | returni | 衛 *vệ*, gardi, protekti |
| 別 | *biết* | savi | 別 *biệt*, disigi |
| 易 | *dễ* | facila | 易 *dị*, sama senco |
| 特 | *được* | povi | 特 *đặc*, speciale |
| 特 | *đặc* | dika | 特 *đặc*, speciale |
| 待 | *đãi* | trakti, ricevi | 待 sama senco |
| 待 | *đợi* | atendi | 待 *đãi*, sama senco |
| 除 | *trừ* | dekalkuli | 除 sama senco |
| 除 | *chờ* | atendi | 除 *trừ*, dekalkuli |
| 劍 | *gươm* | sabro | 劍 *kiếm*, sabro |
| 劍 | *kiếm* | akiri | 劍 *kiếm*, sabro |

*N. N. Poppe*

## La Latinigo de Mongola Lingvo antaŭen marŝas



<En Buriata Mongolio k Ekstera Mongolio>

> Jam de longe aŭdante onidiron, ke inter Orientaj lat. movadoj la mongola gajnis brilan rezulton en lastaj jaroj, ĝis nun ni ne povis havi okazon por ricevi ĝian detalan informon. Ĉar nun mi bonŝance pro la afabla zorgo de s-ro Mijatake enmanigis la informon de prof. N. N. Poppe, mi resume tradukos ĝin por la legantoj. Mia teksto estas lia verko, "Pri la lat. de mongola skribo k la formiĝo de nova mongola literatura lingvo", japanigita de s-roj Iŝihama k Kasai. La legantoj memoru ke jena artikolo estas nur resumo, sed ne fidela traduko. —— trad.

### I Kaŭzoj de la sukceso de mongola latinigo

Problemon de la lat. de malnova mongola skribo, B. B. Baladin la unua prezentis antaŭ longe de la Oktobra Afero, en 1910. Tamen, estas tute kompreneble, ke la realiĝo de la lat. estis neebla en tiutempa socia stato. Ĉar, unuflanke ĝin malhelpis konservatismo pri skrib-problemo, de reganta klaso ei buriato mem, k aliflanke rusa cara registaro ne nur ne subtenis, sed ankaŭ kontraŭstaris al tiu ĉi intenco. La dua kaŭzo de tio, ke tiutempe problemo de la reformo de malnova mongola

skribo ne povis trovi sian solvon, estas ke la problemon oni prezentis nur en Buriatio, sed por solvi ĝin Ekstera Mongolio ne partoprenis. En Ekstera Mongolio, sub tiutempa socia stato oni ne povis eĉ nur prezenti la problemon. Tiutempe, se buriato alprenus novan alfabeton, ili estus kulture izolita de rondo de aliaj mongoloj, pro tio bazo dezirita estus donita al rusiga politiko de la cara registaro k estus alportita grava ŝanĝiĝo al tiutempa buriato, kiu estis malriĉa en sia propra forto de nacia kulturo.

Pro tio problemo de la lat. de mongola skribo povis trovi por la unua fojo la solvon nur post la Oktobra Afero. Lat. fariĝis realigebla nur rezultate de la Oktobra Afero, k nur en procezo de la disvolviĝo de la reformo k klasa batalo en Buriata Aŭtonomia Respubliko k aliaj postlasitaj nacioj. La Oktobra Afero donis ankaŭ alian kaŭzon por realiĝi la reformo de alfabeto: ĝi certigis en Ekstera Mongolio la nacian reforman movadon, kiu liberigis la landon de ĉina procentega kapitalo, k kondukis Buriatan Mongolion k Eksteran Mongolion al neapartigebla intimiĝo. Pro la disvolviĝo de la reforma movado en Mongola Popola Respubliko, pro la disvolviĝo de la batalo, kiu estis bezonata por forigi feŭdajn k kapitalismajn elementojn, k pro la direktigo de la lando al nekapitalisma disvolviĝo, en la respubliko problemo de la alpreno de pli kompleta alfabeto estis prezentita, kiu solviĝos pro s-xx-isma konstruo k la reformo de kulturo.

Estas komprenable, ke en Mongola Popola Respu-

bliko problemo alpreni novan alfabeton ne solviĝis facile k dicidige, ĉar la solviĝon malhelpis antaŭ ĉio la forta kontraŭstaro de la surfundaĵo de feŭdaj elementoj, nome malnova burokrataro, kiu formis plejparton de servantoj en ŝtataj organoj, k havis tute aŭtoritatajn prezidantojn en registaraj organizoj. Krome, se ni rememoras, ke iĝis antaŭ kelkaj jaroj naciisma tendenco estis ankoraŭ forta, kiu estis videble stampita sur internaj k eksteraj politikoj de la Mongolio, ni povas kompreni, kial realan solviĝon ne povas trovi skriboproblemo prezentita en la unua Konferenco pri Buriata Nacia Kulturo, okazigita en Verĥneŭdinsk 1926. Ni povas kompreni tion ankaŭ de alia kialo, ke la alpreno de nova alfabeto devis esti fatala frapo por naciisma movado en Mongola Popola Respubliko. Tial, problemo de lat. en la Mongolio povis esti fervore prezentita nur post kiam en la lando radikala reformo okazis, vojo al s-xx-isma disvolviĝo estis decide elektita, k en la oka konferenco de Mongola R-xx-a Partio oni faris decidon por garantii la alprenon de nova alfabeto.

## II La Alpreno de Nova Alfabeto

1930 en la konferenco en Verĥneŭĵinsk oni faris la unuan projekton de nova latina ortografio, kiu estis pliposte ŝanĝita. En la projekto preskaŭ ne troviĝis literoj kun signo, ekzemple laŭ tiu ĉi projekto la palataloj š, č kaj ž [ŝajne ŝ, ĉ kaj ĵ] estas esprimitaj de la kunmetitaj literoj sh, ch k zh, la u elparolata en posta parto de bu-

ŝa kavo — v, k la û elparolata en la antaŭa parto — u. La litero s, esprimanta ô, estas la sola escepto. Tiu ĉi projekto estis prave riproĉita de la Centra Komitato de Nova Alfabeto, kvankam ĝi havis nedubeblan valoron. En printempo 1931-jara, en konferenco en la urbo Arma Ata oni proponis konformi tiun ĉi alfabeton al la nova unuigita turka alfabeto. Pro tio, kiam 1931 en Moskvo oni kunvokis por konferenco, en fakto alfabeto konformiĝanta al la nova turka alfabeto estis jam alprenita. Ankaŭ kalmuko [raso el mongolo] pliantaŭe alprenis ĝin: kvankam kalmuko alprenis alfabeton, baziĝantan sur rusa skribo, kelkajn arojn pli antaŭe, ili tamen pliposte transiris al nova latina alfabeto. Buriato k kalmuko, kiuj jam alprenis novan alfabeton, uzis samajn literojn por apartaj sonoj ĉis la konferenco en 1931: ekzemple la literon ç kalmuko uzis por la sono "c" en Esp., dum buriato — por la sono "ĉ". La unua k la plej grava problemo en la konferenco estis unuigi la alfabetojn, aŭ forigi la apartan uzon de la samaj literoj en alfabetoj kalmuka k buriata. La laste difinita mongola alfabeto konsistas el 27 literoj en jena tabelo. Sub ĉiu litero mi montras elparolon en fonetika latinlitero.

Kalmuka nova alfabeto estas iom alia ol tiu ĉi. Ĝi enhavas kelke da aldonaj signoj pro sia karakterizaĵo: signojn por la mallongiĝo de vokaloj, k por la palataliĝo de konsonantoj.

Principo por fondi ortografion en mongola lingvo, kiel en aliaj lingvoj, estas la kunmetita de

elparolo k etimologio. Mi klarigos per ekzemplo. La vorto signifanta "steloj" (*odot*) finiĝas je *t*, tamen en la vorto "al stelo" (*odōdor*) *t* ŝanĝiĝas al *d*. Do, transskribi *odod* anstataŭ *odot* estas pli dezirinde.

## III Detalo de mongola ortografio

En la nova ortografio, en iu ajn silabo oni transskribas longajn vokalojn ĉiam per duoblaj vokaloliteroj:-

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A a<br>a | B b<br>b | C c<br>c | Ç ç<br>č | D d<br>d | E e<br>e | F f*<br>f | G g<br>g | H h*<br>h |
| I i<br>i | J j<br>j | K k<br>χ | L l<br>l | M m<br>m | N n<br>n | O o<br>o | Θ θ<br>ȯ | P p<br>p |
| R r<br>r | S s<br>s | Ş ş<br>š | T t<br>t | U u<br>u | V v*<br>v | Y y<br>u̇ | Z z<br>z | Ƶ ƶ<br>ž |

* por la sonoj devenintaj de fremdaj lingvoj.

Komparu

| | |
|---|---|
| daaga (ĉevalo dujar-aĝa) | daga (sekvu-) |
| deel (surtuto) | del (kolhararo, supro de monto) |
| deer (sur) | der (kuseno) |
| bool (sklavo) | bol (faru) |
| boroo (pluvo) | boro (griza) |
| jaasan (farita) | jasan (de osto) |
| uula (monto) | ula (plando) |
| modo (arbo) | modoo (mian arbon) |
| tala (ebenaĵo) | talaa (mian ebenaĵon) |

Por montri longan vokalon la maniero duobligi vokaloliteron estas sendube pli supera ol maniero de supersignita horizontala streketo (dāga ktp.), ĉar

por skribi la streketon oni ne povas ne interrompi plumlinion en skribado k oni devas pliigi nombron de signoj en kompostaj literfakoj. Krome, tia streketo estas ofte preterlasata pro malatento, k sen la streketo oni ne povas eviti konfuzon k miskomprenon.

Diftongo estas esprimata en tute ordinara maniero : ai, oi, ui k.c. ; ekzemple *dalai* (maro), *nokoi* (hundo).

La plej malfacila problemo en ortografio de la nova literatura lingvo estis kiel esprimi mallongigitajn vokalojn, kiuj troviĝas en pli postaj silaboj ol la dua de vorto. La mallongigitaj vokaloj estas tiel nedifinitaj, k e oni povas akcepti diversajn manierojn por transskribi ilin. La vokaloj estas ordinare asimilitaj de vokalo en la unua silabo k povas facile rememorigi la unuan vokalon. Por transskribi ilin, post esploroj k prezento de kelkaj projektoj, oni fine decidis jenan manieron :-

| | | | |
|---|---|---|---|
| En silaboj sekvantaj al | a, aa, ai / u, uu, ui | oni transskribas | a |
| " | o, oo, oi | " | o |
| " | e, ee, ei / y, yy, yi | " | e |
| " | θ, θθ | " | θ |

Krom tiuj ĉi oni transskribas i, i povas sekvi al silabo, kiu enhavas iun ajn vokalon k ĝenerale konservas ĝian ĝustan sonvaloron.

En la silaboj sekvantaj al i oni transskribas a aŭ e, pro ke certa vorto konsistas el frontaj aŭ postaj vokaloj.

Por regulo de vokalo-akordo oni elkondukis jenan gravan principon de viciĝo :-

| Post silabo enhavanta jenajn vokalojn | povas sekvi silabo enhavanta jenajn vokalojn. | | |
|---|---|---|---|
| a, aa, ai, u, uu, ui | a, aa, ai | uu, ui | i, ii |
| o, oo, oi | o, oo, oi | | |
| e, ee, ei, y, yy, yi | e, ee, ei | yy, yi | |
| ө, өө | ө, өө | | |
| i, ii | a, aa, ai, uu, ui | | |
| | e, ee, ei yy, yi | | |

Ni nun transiros al konsonanto.

En ortografio de la nova literatura lingvo, en fino de vorto aŭ silabo, oni skribas sole la literojn b, d, g por fermitaj sonoj, sed ne p, t, k. Ĉar, aperinte inter vokaloj, la fermitaj sonoj estas elparolata malforte, k en ĉefaj okazoj voĉe, ekzemple *bulag* (fonto) — *bulagaar* (per fonto) — *bulagta* (al fonto).

Oni ĉiam transskribas n por [n] k [ŋ], ĉar buriato k Ekster-mongoliano neniam konscie distingas [n] k [ŋ] unu de la alia, malgraŭ ke ili havas la sonojn ambaŭ. En fino de vorto k antaŭ g kaj k nur [ŋ], k en ceteraj okazoj nur [n] ekskluzive aperas. Sekve, se oni ĉiam transskribas nur n por tiuj sonoj ambaŭ, mongolo povas elparoli ĉiam neerare. [En japana lingvo ni trovas la saman fenomenon. Pro tio en japana lat-ita ortografio ni tute simile uzas nur la literon n por la du sonoj. — trad.]

## IV La fondo de nova literatura lingvo

En Harha regiono k Buriatio nealfabetuloj estas tre multaj. Tion al portis kaŭzoj sociaj k ekonomiaj. Krome ni ne povas preterlasi ke la ellerno de skribo signifis la ellernon de nova lingvo. Ĉar mongola skriba lingvo estas formita en antikva tempo, apartiĝas de modernaj mongolaj

lingvo k dialektoj ambaŭ, k estas la dua lingvo al tiuj, kiuj parolas iun ajn dialekton. Ĝi estas aparta precipe de popola lingvo. Pro tio, kiu povas legi k skribi mongolan lingvon, aspektas kiel dulingvano. Malgraŭ ke oni povis ellerni mongolan skribon dum kelkaj semajnoj, spite de la plej malbonaj kondiĉoj, dum kelkaj monatoj, oni bezonis multe da horoj por ellerni malnovan mongolan literaturan lingvon, kiu estas la klasa, feŭda-komerca k oficiala. Sinsekve problemo de la alpreno de latina alfabeto prezentis taskon fondi novan literaturan lingvon anstataŭ la malnova.

La problemo de la nova literatura lingvo donis tre grandan malfacilecon al buriato, ĉar la lasta ne havas unuigitan burjatan lingvon, sed serion da dialektoj, kiuj estas apartaj unuj al la aliaj ne nur en elparolo k formo, sed ankaŭ en vortaro k signifo. Plie, ĉar ne troviĝas sufiĉa kerno de nacia proletaro, kiu formos plejparton de loĝantaro en tiu lando, k ĉar Buriatio ĵus komencis la konstruon de la novaj ekonomio k industrio, estas tre malfacile por montri, kiu dialekto havas plej multe da okazoj por fariĝi la lingvo en regiono, kie enhavas la plej grandnombran proletaron.

Male al Buriatio, Harha regiono, kiu enhavas plejparton de loĝantaro de Mongola Popola Respubliko, havas lingvon preskaŭ unuigitan k samforman tra la tuta cirkula sfero. En Harha regiono kompreneble ekzistas dialektoj, ekzemple la suda, okcidenta k orienta. Malgraŭ tio la dialektoj estas malofte tiel malmulte apartaj unu la alian, ke

por trovi la diferencojn oni devas esti sufiĉe kom-
petenta al lingvo. Sekve problemo pri literatu-
ra lingvo estas nature solvebla por Harha-mon-
golo, sed aspektas tre malfacile solvebla por
buriato. Mi bedaŭras diri ke problemon de bur-
ata literatura lingvo oni iomgrade ne solvinte for-
lasis en konferenco por lat-i mongolan lingvon,
kunvokita en Moskvon 1931. Oni transpasigis
nur principan k tre malklaran rezolucion, ke oni
bazigu parolan lingvon de Harha-mongolo por
nova buriata literatura lingvo, kun kondiĉoj. Tiam
iuj opiniis, se buriato devas skribi en pura Har-
ha lingvo, tio estas mekanika solvo de la pro-
blemo k perfortigo al buriato. Mi bedaŭras ripe-
ti ke la konferenco decidis komisii la problemon
al ladebato en speciala konferenco en Buriatio,
ne solvinte. Alivorte, por enkonduki lat-on en
Buriatan Mongolion, ne esplorante pri karakteri-
zaĵoj de buriata parola lingvo, oni forte harh-
igis la novan literaturan lingvon. Sturmuloj de
la regiona komitato tute prave kritikis tian ĉi
inklinon la apero de tuimongolismo. Samtempe re-
giona komitato buriatmongola de la partio, donan-
te la solan pravan solvon al la problemo pri la no-
va literatura lingvo, proponis alpreni Seleginski-
an dialekton ei buriata lingvo, por ĝia bazo, k
konkludis senutilaj k malutilaj ĉiujn klopodojn
por krei artefaritan lingvon el ĉiu fragmento de
buriataj dialektoj. [Malgraŭ tiuj ĉi kritiko k kon-
kludo, en fakto en Buriatio oni plejparte alpre-
nis Harhan lingvon. Pri kaŭzo de tio la tradukinto
bedaŭrinde povas trovi nenian klarigon en priskri-

...o de prof. Poppe. — trad. ]

La nova ortografio estas tute ne malfacila al Harhano, ĉar ĝi estas farita fidele baziginte sur fenomenon de Harha parola lingvo. Por buriato kondiĉo estas iom alia: por ili ĝi ne estas tiel simpla k facila kiel por harhano. Unue ni povas atenti ke oni tute ne distingas θ k y unu de la alia en plejparto da buriataj dialektoj, ekzemple en ĉiuj Holinsk-buriataj dialektoj inkluzive de la Aginsk-a. Same en Bohansk-buriata k aliaj dialektoj oni intermikse uzas θ k y en plejparto da vortoj. Pro tio en eldonaĵoj en buriata lingvo la ortografio povas esti ofte nestabila, ĉar en la lingvo ne havas normon por distingi tiujn ĉi sonojn. Kaj oni jam povas trovi nestabilecon aŭ la nekonformiĝon de literado en artikoloj en la nova literatura lingvo, presitaj en latina alfabeto, publikigitaj en "Ynen" (vero), ĵurnalo de Verfnevjnnsk. Alia granda malfacileco por buriato estas, en kiu okazo oni skribu ç aŭ ş, ĉar en buriata lingvo ne estas la sono ç, k ş ĉiam respondas je la Harha sono ç.

V Kiam mongola latinigo fine venkos?

En Buriata Aŭtonomia Respubliko lat. movado jam antaŭen marŝas laŭ kompleta relvojo. La Ŝtata Studejo pri Kulturo k la popola komitato de edukado alportis sufiĉe gravan rezulton per rezoluta maniero, en tre mallonga tempo: ekzemple "Şine biçeg" (nova skribo), verko de k-do G. Linceni estas jam eldonita, k en "Şine biçegiin bulam" (kolono de nova skribo) de la ĵurnalo "Ynen"

(vero), studajoj, k informoj senditaj de ĉiuj lokoj estas presataj en latina alfabeto. Oni klopodas por garantii la lat-on de ĉiuj oficaj korespondoj k edukaj laboroj en la plej mallonga tempo, laŭ programo.

Kontraste al tio, en Mongola Popola Respubliko afero ne estas tiel brila pro tute kompreneblaj kaŭzoj. Spite de serio da fortaj manieroj, ekzemple la eldono de pendaĵoj k libretoj en la nova alfabeto, k la klopodo por liveri traktatojn k informojn al ĵurnaloj, lat. povas sukcesi nur en Ulambatro [ĉefurbo de Ekstera Mongolio — trad.] en mallonga tempo, sed la lat. en kamparo nur plipostepovas esti konsiderata. Malgraŭ tio pro la jam faritaj rezultoj la realiĝo de lat. estas tute garantiita en Ekstera Mongolio. La nova alfabeto enradikiĝos senkondiĉe k tre baldaŭ. Ĉar en Ekstera Mongolio nivelo de la disvolviĝo de legado k skribado estas tre malalta, pro tio proporcio de homoj, kiuj devas esti denove edukitaj en latina alfabeto, estas tre malalta, krome la ellerno de la nova alfabeto estas tre facila kontraste al la malnova skribo; tial nombro de tiuj, kiuj povas legi k skribi en la nova alfabeto, certe k rapide pliiĝos; sinsekve lat. enradikiĝos pli rapide. Krom malmultecon de tiuj, kiuj povas legi k skribi en la malnova skribo, ni povas serĉi alian kialon, ke en la Mongolio la nova alfabeto disvastiĝos pli rapide ol ekzemple en kelke da turkaj respublikoj. Ĉar mongolaj ekleziaj societoj povas doni nenian influon pri tio: preskaŭ ĉiuj lamaoj ne povas legi k skribi en mongola lingvo, pro ke

ili uzas tibetan lingvon, skribatan en tibeta skribo, kiel religian aŭ budaisman lingvon. Tial por potenco kontraŭstara al la disvastigo de la novajalfabeto k literatura lingvo ni kalkulas ĉefaj nur reakciajn elementojn en laika rondo, t.e. feŭdajn surfundaĵojn konsistantajn el malnova burokrataro k reĝaj familioj. Tiuj ĉi malamikoj tamen estas tre malmultaj kompare al giganta lamaa societo, tute pasiva al tiu ĉi problemo. Sinsekve lat. nepre sukcesos ankaŭ en Ekstera Mongolio.

Kien iros la malnovaj skribo k literatura lingvo? Ĉu ili estos tuj k tute forlasitaj kiel estintaĵoj? Al tiu ĉi demando ni devas respondi ke tute ne: Problemo de lat. eĉ nun ne estas fine solvita ankaŭ en Buriatio. Dum proksima estonteco ekzistos la nova k malnova skriboj unu apud la alia. En Mongola Popola Respubliko la malnova skribo konserviĝos sufiĉe longe kompare al en Buriatio. Krome ni ne povas preterlasi ke pri lat. nenio okazis en Interna Mongolio, k Mongola Popola Respubliko ne povas tute interrompi rilaton inter si k Interna Mongolio. Pro tio la malnova skribo neeviteble ekzistos plu kun la nova skribo dum mallonga tempo. La nova skribo pli k pli alternos je la malnova skribo.

[ Ni ne povas preterlasi ke tiu ĉi informo estis publikita en 1932. Lat-a movado en mongolaj landoj nuntempe estas supozeble vaste disvolviĝinta kompare al antaŭ kvin jaroj, mi kredas. Mi elkore deziras certigi nunan staton de la movado, helpe de la legantoj. — trad. ]

× × ×

La lat. de mongola skribo, k la formigo de la nova literatura lingvo, baziganta parolan lingvon de laboranta popolo, faris novan epokon en mongola historio. La malnova skribo, kiu estis nutrata dum kelkaj centjaroj, en mongolaj ŝtatoficejoj, k estis disvastigata kun laŭleĝa rajto, kiel skribo de feŭda klaso, baldaŭ pereos kun postlasita ekonomio, primitiva brutedukado k surfundaĵoj de feŭdismo. Kun la pereo de la feŭda malnova lingvo, antaŭen marŝas la novaj skribo k literatura lingvo, baziganta parolan lingvon de vasta laboranta amaso. Tielrilate vera reformo unuan fojon atingos al ĉiu malproksima angulo de kamparo.

---

## *Lastatempo de Ĉina Latinĝa Movado*

Antaŭe ĉina registaro ofte subpremis lat-movadon: ĝi malpermesis la eldonadon de lat. gazeto k la vendadon de lat. libroj, monpunis eldonanton de lat. gazeto, forpelis administranton for de lat. eldonejo, ktp. Tamen, depost kiam la milito komencis, la aŭtoritatularo jam ne subpremas la movadon kiel antaŭe, ĉar ĝi tute ŝanĝis sian politikon. Nun ĝi ne nur ne subpremas, sed ankaŭ sufiĉe simpatias la movadon. Pro tio oni jam ne bezonas "kaŝe" fari. Estas kompreneble, ke la movado progresas ne tre vigle pro la milito, sed ĝia cirkonstanco estas ĝenerale favorata.

— laŭ la informo de k-do Scight —

*

* *



*V.P. Isaef*

# La Resumo de Sovetia Latiniga Movado

Se ni deziras diri pri la latinigo en Sovetio, ni ne starigu ĉiujn lingvojn de USSR sur unu platon, sed dividu ilin je tri grupoj:

1. La lingvoj, kiuj jam havas simplan alfabetan skribon (rusa, ukraina, blankrusa, kartvela, karela, armena);
2. La lingvoj, kiuj kvankam havis sian skribon, sed malfacilan kaj ofte ne taŭgan por sonoj de la lingvo (turkaj lingvoj, burjata, mongola);
3. La lingvoj, kiuj tute ne havis skribon (malgrandaj nordaj nacioj — nencoj, evenkoj, luoravetlanoj, ĉukĉoj, loparoj, komioj ktp.)

La skribsistemoj de la unua grupo havas la plej diversan devenon, la plej diversajn literformojn. Ekzemple la ukraina, rusa k blankrusa alfabetoj estas unuformaj k devenas de antikva slava t.n. Cirila alfabeto, kiu siavice devenis de la antikva greka alfabeto. Formo de literoj estas en ukraina, rusa k blankrusa alfabetoj simila al la latina. Kareloj uzis latinan alfabeton.

Pro tio, ke ĉi tiaj skribsistemoj estas facilaj por ellerno kaj uzado (legado k skribado) ne estas necese anstataŭigi ilin per aliaj skribsistemoj kaj ili restas en uzado. Estis farita nur

kelkaj simpligoj en ortografio. Ekzemple, en la rusa skribo la samaj sonoj estis skribataj du-tri-maniere. Por la sono "i" oni uzis la literojn и, i kaj v, por la sono "je" — la literojn e kaj ѣ, ktp. Nun la sono "i" estas skribata nur "и", la sono "je" — nur "e", ktp. Simila simpligo estis farita en aliaj skribsistemoj de la unua grupo.

Jen mi klarigos pri la skribsistemoj de la dua grupo. Kvankam turko kaj aliaj nacioj havis skribsistemojn, sed ne taŭgajn por iliaj lingvoj. Ekzemple, multaj turkaj nacioj uzis araban alfabeton. Sed en araba lingvo vokaloj ne estas grava parto de vorto, samkiel en ĉiuj t.n. semidaj lingvoj. Do en araba alfabeto apartaj literoj por vokaloj forestas. Se pro ia kaŭzo tamen necesas marki la vokalon, oni staras sub aŭ super la konsonanto antaŭiranta kelkajn punktojn: ب ٻ پ ktp. Krom tio en araba alfabeto mankas kelkaj konsonantoj, kiuj estas en turkaj lingvoj. Pro tio en la aplikata por turkaj lingvoj araba alfabeto estis multaj literoj tre similaj, kies malsamecon montris nur unu kroma punkto. Pro tio ĝi estis tre malfacila por ellerni kaj legi. Ja presitaj arabaj tekstoj ne donas apartajn literojn, sed unu vorto formas unu kurbitan linion. Ekzemple: بير "bir" — unu. Pro tio ĉiu litero estas uzata en kelkaj formoj, por ke ĝi ĉiam povu esti parto de daŭra linio. Ankoraŭ pli malsimplaj estas devenintaj de la ĉina skribo skribsistemoj de mongolaj nacioj.

Ĉi tiuj skribsistemoj pro sia malfacileco malrapidigis progreson kulturan de la uzantaj ilin nacioj. Pro tio ili estu anstataŭigitaj per la

skribsistemo samtipa kun skribsistemoj de la unua grupo. La plej taŭga por tiuj lingvoj estis la alfabeto kreita sur la latina alfabeto. Mi donas skribformon ĉi sube kun araba literformo kaj Esperanta klarigo pri elparolo :

A a — ا — a, B b — ب — b, C c — ج — ĝ, Ç ç — چ — ĉ, D d — د — d, E e — ne markata per aparta litero — e, Ə ə — ە — sono meza inter a kaj e kiel angla "a" en "map". F f — ف — f, G g — گ — g, Ƣ ƣ — غ — la gorĝa g, H h — ح — h, I i — ى — i, J j — ي — j, K k — ك — k, L l — ل — l, M m — م — m, N n — ن — n, Ņ ņ — ڭ — ng elparolata kiel unu sono, O o — و — o, Ɵ ɵ — ۆ — sono meza inter o kaj e kiel la germana ö aŭ angla "o" en la vorto "world". P p — پ — p, Q q — ق — la gorĝa k, R r — ر — r, S s — س — s, Ş ş — ش — ŝ, T t — ت — t, U u — ۇ — u, V v — ۋ — v, X x — خ — ĥ, Y y — ۉ — germana ü aŭ franca u, Z z — ز — z, Ƶ ƶ — ژ — ĵ, Ь ь — ى — kiel rusa ы aŭ simila al angla i en "tip".

Finfine la tria grupo — la lingvoj, kiuj tute ne havis propran skribsistemon. Ĉi tio plejparte estis lingvoj de etaj nacioj konsistantaj el kelkaj miloj, eĉ el kelkaj centoj, sed ne pli ol cent miloj da personoj. Partopreni en la tutlandanvivon ili povas sufiĉe aktive nur scipovante la rusan lingvon — la plej disvastigita lingvo de la USSR, Esperanto de USSR. Por plifaciligi al ili ellerno de la rusa lingvo iliaj alfabetoj estis kreitaj sur la bazo rus-ukrain-blankrusa.

Do en USSR "latinigo" ne estas nepra ansta-

taŭigo de naciaj skribmanieroj per la latina alfabeto. Ĉe ni la "latinigo" estas kreo kaj reformo de jam ekzistantaj skribsistemoj kun celo fari naciajn skribsistemojn la plej simplaj, la plej facile lerneblaj kaj uzeblaj, la plej konformaj al sonsistemoj de la lingvoj kaj, fine, la plej oportunaj por la uzontaj ilin nacioj.

Por kio, do, ukrainoj ŝanĝus sian alfabeton per la latina, se la nuna alfabeto konformas al la supraj postuloj kaj la ŝanĝo de la alfabeto farus necesaj grandajn elspezojn por reinstrui la popolon, reeldoni la jam eldonitajn librojn, rearanĝi la presejojn ktp.

La turka skribsistemo ne konformis al tiuj postuloj kaj pro tio ĝi estis neniigita. Turkoj devis reinstrui nur malgrandan parton de siaj nacioj, ĉar dum la araba alfabeto turkoj havis nur 4—10 % da legosciantoj, ceteraj 90—96 % estis nealfabetaj. Nun nealfabetuloj formas nur 10—8 % de la turkaj nacioj kaj eĉ malpli multe.

---

## Korekto (Isaef)

En la letero de Kolĉinskij estas erareto (p.36). Baŝkiroj kaj turkmenoj havas diversajn, apartajn lingvojn literaturajn. Unuigitaj per unu literatura lingvo estas, ekzemple, norda kaj sudorienta ukrainaj dialektoj. Pri ilia malsameco imagon vi povas havi legінte du paralelajn tekstojn en du dialektoj Esp-literitajn.

| *sudorienta* | *norda* |
|---|---|
| Did pisoŭ do nas i skazaŭ ŝĉo vil uĵe ŭ Ivana | Died piŝov do nas i skazav ŝĉo vuol uĵe v Ivana |




◁ La n-ro unua kaŭzis grandan eĥon inter orientaj lat-istoj malgraŭ malriĉeco en formo k enhavo. Elkoran dankon! Tiu ĉi fakto pruvas, kiel lat-istoj en ĉiuj landoj avidas internacie kunligiĝi. Mi decidis pli klopodi por plenigi la avidon depost nun, ricevante helpon de niaj legantoj.

◁ Mi devas sciigi al la legantoj pri bedaŭrinda afero. Tio estas ke mi perdis kelke da kompetentaj verkantoj k du trionojn da abonantoj pro ke la interkomunikado inter mi k ĉinaj kamaradoj estis preskaŭ interrompita. Sinsekve, kelkaj agemaj kamaradoj ne povis verki al tiu ĉi numero, malgraŭ ke ili sincere promesis al mi nepre verki. La malpliiĝo de abonantoj alportis al mi pli pezan ekonomian ŝarĝon. Pro tio mi preskaŭ rezignis daŭrigi la eldonadon, sed pensante pri la fervora subteno de la legantoj, mi ne kuraĝis tion fari. Karaj legantoj, por ne interrompi la eldonadon helpu min en la ambaŭ flankoj, morala k ekonomia. Krome mi esperas ke tago, kiam ili denove povos kunlabori kun ni, venos kiel eble plej baldaŭ.

◁ Mi dankas al ĉiuj verkintoj, kiuj afable skribis al tiu ĉi numero. Kaj kun kora danko mi sciigas pri la kunhelpo de k-do Suita. Li oferis al ni belan kovrilon de tiu ĉi numero.

◁ Laŭ la unua antaŭdecido tiu ĉi numero povas esti ampleksa duoble de la jam aperinta. Iu maŝin-

skribistino promesis maŝinskribi nian gazeton, pro tio mi sendis ĉirkaŭ duonon da manuskriptoj en Decembro. Tamen ŝi post nelonge malsaniĝis k eĉ nun ne tute sana. Pro tio, sanĝante la antaŭdecidon, mi decidis aperigi pli frue la jam preparitan parton. La alia parto aperos kiel la n-ro tria tuj post ŝia resaniĝo.

◁ Fine, legantoj, estu bonkoraj por aŭskulti pri miaj petoj. Se eble, donacu nian gazeton al viaj korespondantoj, precipe nejapanaj. Por tia celo mi liveros ĝin en 20 procente rabatita prezo. Sendu manuskripton k mallongan informon al la kolono "Lat. Kroniko". Kritiku tiun ĉi numero por plibonigi nian gazeton. Mi petis al vi tro multe. Tamen, mi tute ne postulas al vi plenigi ĉi ĉiujn petojn, sed deziras plenigi nur iun ajn eblan al vi.

— redaktoro —

---

**SCIIGOJ**

◂ Nia adreso : S-ro Saitoo-Hidekatu
Yamagata-ken, Higasitagawa-gun, Yamazoe-mura
JAPANIO.

◂ Duonjare eldonata.

◂ Prezo de unu ekz. : ¥ 0.28 por Japanio k Ĉinio; ¥ 0.33 por aliaj landoj (ink. sendpago).

◂ Abonpago : ¥ 1.00 por Japanio k Ĉinio ; ¥ 1.20 por aliaj landoj.

● Sendu manuskripton !
● por n-ro tria : ĝis la fino de Marto.
● por n-ro kvara : ĝis la 15-a de Majo.

KORESPONDADO K-do Lu Bi, Huanam School, Tarue Station, Siam. dez. kor. kĉl. k ricevi foton de membraro de Esp. societo aŭ individua Esp-isto.

# KOREA ESPERANTISTO

Kvaronjare eldonata
Jarabono : 2 sv. fr.

Korea Esperantista Asocio
190. Ĵohoku-ĉo, Seulo, Koreio
(定價：1年分 1円20戔 朝鮮エス文化社 振替：京城 26641)

昭和13年3月12日印刷
昭和13年3月15日發行
編集・印刷兼發行人 齋藤秀一
山形縣東田川郡山添村東荒屋字寺裏り89・振替：仙台2542番